FENIKSO NIGRA
ANARKIO.NET

# ANARKIO

INFORMA MONATA BULTENO
OKTOBRO 2011
Nº 14

## 10ª Anarkiistaj Esprimoj - 2011




Oni okazos 10ª Anarkiistaj Esprimoj en la tagoj 15 kaj 16 de Oktobro, denove en San-Paŭlo.

Tio evento kunigos anarkiistoj kaj samideanoj al interkomunikos ĝin kaj ankaŭ praktiko pri anarkiisma movado. Ĉio al konstrui la liberacana lukto en San-Paŭlio.

Anarkiistaj Esprimoj estas malfermita al ĉiujn!

Venu vin komuniki kaj agi por libereco kaj justeco!

Adreson: Strato General Jardim, 253 Sala 22 Vila Buarque San-Paŭlo – SP

Proksima stacidomo Metro Respubliko.

Pli informoj: exprana@riseup.net aŭ fenikso@riseup.net

anarkio kaj esperanto

## LA LINGVO DE LIBERECO – LA VOCHO DE INTERNACIISMO




**Traduko de artikolo el "Organise!" No 55 – 2001 kun aldonitaj reagoj (http://informabulteno.wordpress.com)**

La Anarkiista Federacio ghuste traktas sian internacian laboron grave. Nia Internacia Sekretararo komunikadas kun anarkiistoj kaj gerevoluciuloj trans la globuso. Ilia laboro simple povas esti skribi leterojn, interŝanghi informojn kun gekamaradoj en siaj respektivaj landoj. Alifoje signifas komunajn solidarecajn agadojn je internacia nivelo. Plie, la AF ankaù partoprenas kiel sekcio de Internacio de Anarkiistaj Federacioj (IAF).

La 4-a punkto el niaj Celoj kaj Principoj informas, "La laborista klaso ne havas landon, kaj landlimoj devas esti eliminotaj." Sed tiaj limoj ne estas nur politikaj aù ekonomiaj konstruajhoj, ili ankau povas esti psikologiaj limoj. Ĉefa barilo inter internacia unuigho de laboristoj, ofte ne rimarkita aŭ ignorita, estas lingvo.

Lingvo ĉiam estas problemo – tiel diras iun, kiu provis komuniki kun eksterlandaj gekamaradoj – aparte se oni malplene konas fremdlingvon, kaj la eksterlandaj gekamaradoj malmulte scias la anglan.

Tamen por ni gerevoluciuloj, tiu problemo ne tute estas nevenkebla. Per iometa aplikado kaj tiom internacia kunlaborado, ni povos venki la lingvan problemon, sen tro da malfacilo.

Kompreneble ĉiuj ni povus elspezi multan tempon por lerni multajn lingvojn (malbone)… Alie ni povas elspezi nur etan tempon lerni unu facilan kaj neŭtralan lingvon (Esperanto) kiel komunikilo inter nesamlandaj gekamaradoj.

Nu, kutime, kiam oni mencias Esperanton, skeptuloj ekdiras…

"Sed apenaŭ iuj parolas ghin." Fakto: tutmonde multnombraj homoj parolas Esperanton. Efektive, eĉ en Britio, kie Esperanto relative estas malforta, Esperantistoj nombre superas anarkiistojn.

"Sed la angla jam estas ia internacia lingvo, ĉu ne?"

Vere. Sed la anglan estas internacia lingvo de komerco, multnaciaj korporacioj, potenco, imperiismo, ktp… En multaj partoj de la mondo, oni devigis popolojn paroli angle, iuokaze per pafilo. Aliflanke, nek klaso, nacio, korporacio nek registaro proprietas Esperanton . Laŭ mia scio, neniu internacia Esperanta-policaro piedbatas la laboristaron.

Alia problemo pri la angla estas, kvankam ghi estas relative facila lingvo base lerni, ne nativ-parolanto ĉiam sentas malavantaghon. Fakte, sennombraj bizaraj kaj ofte nekompreneblaj gramatikajhoj, tute nelogikaj frazoj, strangaj idiomoj, ankaŭ stranga ortografio kaj prononco tute enigmas la anglan. Fine, por la ne nativ-parolanto, la angla estas ankoraŭ alia barilo al internacia komunikado.

Pri Esperanto, tamen, ĉiu estas ne nativ-parolanto, sekve ĉiu relative egalas – neniu posedas lingvan avantaĝon. Ankaŭ ĝi estas nekredeble facila, kaj oni povas lerni ĝin dum tre mallonga periodo. Alivorte, ne necesas, ke oni estus lingva-cerbulo por profiti. Prononco estas fonetika, gramatiko estas tute regula. Esperanto havas neniujn neregularojn dolore parkerigi. Do, post oni lernas la fundamentojn, oni facile aplikas ĝin, kaj gajnas spertadon.

Ni anarki-komunistoj ofte parolas pri “kulturo de rezisto.” Do, ĉe la internacia fronto, Esperanto ege kontribuas al tiu celo, se ni uzu ghin por internacia rezistado. Sed dependas de ni mem konstrui tion. Mi ne diras, ke ĉiu klas-konscia laboristo en la mondo devas lerni Esperanto (sed tio ne estus malbona). Tamen Esperanto, ĉu ni elektos uzi ĝin, estas tre utila ilo, kiu nur povas helpi la klasbatalon.

---




## el Petro: Kursa Lernolibro por Laboristoj (ĉapitro 18)

### 18. Petro lernas metion.

Petro estas kontraŭdogmulo. Nenio en la hejmo estis instruata al li, kio povus veki ĉe li religiajn sentojn kaj religiemon. En la lernejo li mem kontraŭstaris fortvole al tie ricevitaj instruoj, kiuj estis kontraŭaj al la libera pensado de la gepatroj. Dum aliaj knaboj, kiuj forlasis kun Petro la lernejon, devis ĉeesti religiajn ceremoniojn por festi la transiron el la knaba aĝo en la junulan aĝon, Petro jam havis sian opinion, ke religio estas veneno por la popolo. Li ricevis simple sian ateston pri kapabloj. Kiam li alportis ĝin hejmen, la gepatroj videble estis ĝojigitaj pri liaj bonaj lernatingoj.

Petro ankaŭ ne emis, kiel multaj el la knaboj, kiuj malbone komprenas sian novan “liberon”, fumi aŭ trinki alkoholon. La patro kompreneble zorgis pri dungigo de Petro ĉe iu metiejo, kie li povus lerni metion kaj fariĝi lerta kaj kapabla laboristo. Estis decidote, ĉu li iru en la grandan fabrikon, kie laboris la patro, aŭ en malgrandan laborejon, kie troviĝis unu el la klaskunuloj de Petro. Post pripenso oni trovis pli facile realigebla la duan eblon, kaj Petro forlasis nun ĉiumatene la domon en same frua horo kiel la gepatroj, por atingi ĝustatempe sian laborejon.

La farota laboro estis unue facila. Li devis helpi al la pli aĝaj laboristoj. Li portis al ili pecojn el fero aŭ alia metalo, ŝraŭbojn, najlojn kaj multan alian labormaterialon, kiu estas portebla por neforta junulo. Tagmeze li zorgis pri aĉetado de manĝebla kaj trinkebla materialo por ĉiuj laboristoj en la laborejo.

Estas facile kompreneble, ke la junulo vespere, post okhora labortago, estas tre laca, kaj ke post lia enlitiĝo sen pluo profunda dormo donas al li la deziratan ripozon.

---



## Ni bezonas voluntulojn!

Nia iniciatemo bezonas voluntulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.
Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!
Sanon kaj anarkion!

**Kontaktojn**
Fenikso Nigra
CP: 999 - CEP 13001-970 Campinaso - San-Paŭlio
Aŭ
CP: 5005 - 130036-970 Campinaso - San-Paŭlio
m.e.: fenikso@anarkio.net m.e.: fenikso@riseup.net
http://anarkio.net

anarkio kaj esperanto